## LA OMALA

La Omala estas amuza esperantido farita de via amiko, jan Melon, kiel ŝatokupa projekto. Ĉi tio estas nek reformo-propono, nek unu plu konkuranto/alternativo por esti *la* internacia helplingvo, nek satiro por moki lingvon nian. Ĝi estas luda provo per la potenco de vorto-derivado, pli simila al Universal aŭ Esperant'.

## LITEROJ

Sube estas la literoj de EO aranĝitaj laŭ siaj legmanieroj. La nigraj estas sonoj sen literoj. La ruĝaj estas literoj evitindaj. Ĉapeloj ne plaĉas al mia amata ASCII, do mi evitas ilin en la Omala. La literoj ⟨c⟩ kaj ⟨j⟩ estas polemikoj en iom da lingvoj. La litero ⟨c⟩ povas esti legata kiel /t͡s/, aŭ /s/, aŭ eĉ /k/. La litero ⟨j⟩ povas esti legata kiel /d͡ʒ/ kaj samtempe batalas kontraŭ ipsilono ⟨y⟩ pro la rajto de sia origina legmaniero /j/. Tial, ankaŭ ilin mi evitas ĉiam mi povas.

| | | Lipa | Dento-Karna | Post Dento-Karna | Palata | Vela | Glota |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Naza | | m | n | | | | |
| Eksploda | Senvoĉa | p | t | | | k | |
| | Voĉa | b | d | | | g | |
| Ekfrota | Senvoĉa | | c | ĉ | | | |
| | Voĉa | | | ĝ | | | |
| Frota | Senvoĉa | f | s | ŝ | | | |
| | Voĉa | v | z | ĵ | | ĥ | h |
| Vibra | | | r | | | | |
| Alproksimata | | | l | | j | ŭ | |

| | Antaŭa | Centra | Malantaŭa |
|---|---|---|---|
| Malvasta | i | | u |
| Mezvasta | e | | o |
| Vasta | | a | |

## VORTOJ

Unu el la plej ofte reklamataj avantaĝoj de nia lingvo estas la reguleco de la finaĵoj, ekz. la substantivoj havas la finaĵon "o". Kiam mi unua-foje eksciis tion, ial mi sentis ke "o" ne taŭgas por tio. Post iom da pensado, mi nun pli bone komprenas la fontojn de miaj inklinoj. Mi supozas ke mi sentis tiel ĉar la substantivoj de mia denaska lingvo pli ofte havas la finaĵon "a" ol "o". Estas rimarkinda ke en la Brahmiaj skribsistemoj, kiuj devenas de Barato, la vokalo /a/ estas la origina vokalo de la literoj kaj oni devas aldoni kromsignojn por ŝanĝi ĝin. La unua deklinacio de la Latina lingvo ankaŭ estas karakteriza je la vokalo /a/. Pro tiuj kialoj, mi decidis ke substantivoj havu la finaĵon "a". Ĉi tio estas fakte mia ĉefa motivo por krei la Omalan. Tio estas la signifo de ĝia nomo, "o-mala", ĝi malhelpas aŭ kontraŭas la finaĵon "o". Mi certe ne povas nomi ĝin "mal-o" ĉar tio estus hipokrita.

En EO, ekzistas precedenco pri a-vortoj, kiuj estas uzataj kiel substantivoj en specialaj kazoj. Oni povas diri adjektivon por mallongigi frazelementon.

Ekz.

- *Kiun floron vi deziras? Mi deziras* **la bluan** *(floron).*
- *tiu, kiu lernas = la lernanto = la lernanta homo → la lernanta*

En la Omala, tiu mekanismo disvolviĝas. Ajna substantivo en EO povas fariĝi substantivo en la Omala per ŝanĝi la finaĵon "-o" al "-a". Tiu ĉi ŝanĝo kaj la litero-evitado efektas sur la tutan vortoderivadon de la lingvo. Jen estas la ĝenerala mekanismo.

| Kazoj | | Solvoj |
|---|---|---|
| Preskaŭ Ĉiuj Substantivoj | Ĝeneralaj | -o → **-a**<br><br>Ekz. "arbo" EO → "arba" OM |
| | Vortoj kun la finaĵo -a(o) | -ao → **-a**<br><br>Ekz. "babao" EO → "baba" OM |
| | La -a(o) vorto fariĝus nekonatebla aŭ ambigua | Derivu de aliaj samsignifaj vortoj, la origina fontlingvo, aŭ aliaj mondvaste konataj vortoj<br><br>Ekz. "kakao" → "kaka" ne facile konatebla<br>Alternativoj:<br>• samsignifa vorto: "ĉokolado" → "ĉokolada"<br>• origina fontlingvo: "cacahuatl" → "kakahua"<br>• vaste konata vorto: "cocoa" → "kokoa" |
| | Pluralaj vortoj | -oj → **-ara** aŭ redupliku la unuan konsonanto-vokalan paron de la vorto<br><br>Ekz.<br>• "birdo" EO → "birda" OM<br>• "birdoj" EO → "bibirda" / "birdara" OM<br><br>Rim. ĉi tiu mekanismo por eviti la literon "j" devenas de Universal kaj Esperant'. Sed estas pli bona eviti tiun konstruon. |
| Adjektivaj Radikoj | Ĝenerala | Daŭras havi "-a" finaĵon<br><br>Ekz. "bona" EO → "bona" OM<br><br>Rim. oni povas rigardi ĝin kiel substantivon, kiu signifas 'bona io' |
| Adjektivoj Derivitaj de Substantivoj | Ĝi signifas 'apartenanta aŭ rilata al io' | -a → **-es**<br><br>Ekz.<br>• "homo" EO → "homa" OM |

| | | |
|---|---|---|
| | | • “homa” EO → “homes” OM<br>• “homa spirito” EO → “homes spirita” OM<br><br>Rim. derivita de la tabelvortoj: “ki**es**”, “ti**es**”, “**ies**”, ktp. |
| | Ĝi signifas ‘havanta kvaliton kiel, kvazaŭ, aŭ simila al io’ | -a → **-oida**<br><br>Ekz.<br>• “likvo” EO → “likva” OM<br>• “likva” EO → “likvoida” OM<br><br>Rim. derivita de la sufikso “-oid-” |
| | Ĝi signifas ‘konsistanta aŭ farita el io’ | Daŭras havi “-a” finaĵon<br><br>Ekz.<br>• “ligno” EO → “ligna” OM<br>• “ligna” EO → “ligna” OM<br>• “ligna tablo” EO → “ligna tabla” OM<br><br>Rim. objekto estas kaj sia formo kaj sia substanco. Ekz. ligna tablo estas tablo-forma ligno. La Omala frazo “ligna tabla” montras tiun egalecon. |
| | Ĝi signifas ‘enhavanta ion’ | -a → **-oplena**<br><br>Ekz.<br>• “lumo” EO → “luma” OM<br>• “lumo” EO → “lumoplena” OM<br><br>Rim. derivita de la vorto “plena” |
| Substantivoj Derivitaj de Adjektivoj | Abstrakta koncepto | -o/eco → **-esta** aŭ samsignifaj vortoj<br><br>Ekz.<br>• “rapida” EO → “rapida” OM<br>• “rapideco” EO → “rapidesta” OM<br>• “rapido” EO → “rapidesta” / “rapidmezura” OM<br><br>Kelkajn vortojn oni derivu tra multaj paŝoj, ekz. amikeco estas la eco esti tia aŭ havi kvaliton kiel amiko.<br>• “amiko” EO → “amika” OM<br>• “tia, kiel amiko” EO → “amikoida” OM<br>• “eco tia, kiel amiko” EO → “amikoidesta” OM<br><br>Rim. derivita de la vorto “esti” por eviti la literon “c” |
| | Ĝi signifas ‘io aŭ iu, kiu estas ia’ | -o/ulo/aĵo → **-a** aŭ samsignifaj vortoj<br><br>Ekz. |

| | | |
|---|---|---|
| | | • “bona” $_{EO}$ → “bona” $_{OM}$<br>• “bono” $_{EO}$ → “bona” $_{OM}$<br>• “bonaĵo” $_{EO}$ → “bona” $_{OM}$<br>• “bonulo” $_{EO}$ → “bona” / “bona homa” $_{OM}$<br><br>Rim. ĉi tio estas la fundamenta mekanismo, “la bono” = “tio, kiu estas bona” = “la bona io” → “la bona” |
| Verboj Derivitaj de Adjektivoj kaj Substantivoj | Ĝi signifas ‘ŝanĝiĝi al io/ia’ | (io/ia)-iĝi → **ekesti** (io/ia)<br><br>Rim. derivita de la prefiksi “ek-“ kaj la vorto “esti” por eviti la literon “ĝ” |
| | Aliaj derivaĵoj | Daŭras havi la saman finaĵon, ekz. -igi, -umi, -agi, -adi |
| Substantivoj kaj Adjektivoj Derivitaj de Verboj | La rezulto de iu agado | -aĵo → **-ita / -ida**<br><br>Ekz.<br>• “skribaĵo” = “skribito” $_{EO}$ → “skribita” $_{OM}$<br><br>Rim. derivita de la finaĵoj “-ita” (signifas ‘tio, kiu estas v-ita’) kaj “-ido” (signifas ‘tio, kiu devenas de io’) por eviti la literon “ĵ” |
| | Aliaj derivaĵoj | -o/a → **-a**<br><br>Ekz. -ago → **-aga**; ado → **-ada;** -anto → **-anta**; ktp |
| Aliaj Derivaĵoj | | Daŭras havi la saman finaĵon, ekz. re-, ek-, mal-, ktp |

Vorto-Elektado

La nomo “Omala” havas la duan signifon. Ĝi ankaŭ celas ampleksigi malajn vortojn (vort**o mala,** aŭ **ho mala!**). Estas pli preferinda ke “ge”-antonimoj havas siajn proprajn radikojn, ekz. “dekstra” kaj “liva”, “varma” kaj “frida”. Oni ankaŭ estas peremesita derivi vortojn per reanalizo de ekzistantaj vortoj en EO, ekz. “eta” de la sufikso “-et-“ kaj “matro” de la vorto “matriarka” por simetrio kiel “patro” kaj “patriarka”.

Persona Nomo

Personaj, geografiaj, kulturaj, kaj speciaj nomoj ne devas obei la litero-evitadon, derivado-regulon, aŭ gramatikon. Ĉiu rajtas nomi sin laŭvole. Eĉ tiuj, kies nomo estas FN-2187 aŭ @x010tl.

## GRAMATIKO

La gramatiko de la Omala estas preskaŭ tute sama kiel EO ĉar la ĉefa motivo de la Omala estas prezentita en la antaŭaj partoj. La sekvontaj reguloj estas pli laŭvolaj.

### Persona Pronomo

Sube estas la pronomoj en antikva EO. La ruĝaj havas la evitindajn literojn ⟨c⟩, ⟨ŝ⟩, kaj ⟨ĝ⟩.

<table>
<tr><th></th><th>Unua Persono</th><th>Dua Persono</th><th colspan="3">Tria Persono</th></tr>
<tr><td>Singulara</td><td>Mi</td><td>Ci</td><td>Ŝi</td><td>Li</td><td>Ĝi</td></tr>
<tr><td>Plurala</td><td>Ni</td><td>Vi</td><td colspan="3">Ili</td></tr>
</table>

Jen estas la personaj pronomoj en la Omala post oni evitis tiujn literojn.

<table>
<tr><th></th><th>Unua Persono</th><th>Dua Persono</th><th>Tria Persono</th></tr>
<tr><td>Singulara</td><td>Mi</td><td rowspan="2">Vi</td><td>Li</td></tr>
<tr><td>Plurala</td><td>Ni</td><td>Ili</td></tr>
</table>

Rim.

- Ĝi fakte esta preskaŭ sama kiel la nuna EO. Sed, la tria persono “li” povas signifi ion ajn: kaj objekton, kaj vivulon, kaj masklon, kaj feminon, ktp. Ĝi ankaŭ povas anstataŭi la montran pronomon “tio”.

### Montra Pronomo

La montraj pronomoj “ĉio”, “ĉiu”, “ĉia”, “ĉie”, ktp. havas la evitindan literon ⟨ĉ⟩. Oni povas anstataŭigi ilin per la radiko “tut-“ → “tut-afera”, “tut-iu”, “tut-ia”, “tut-ie”, ktp.

La proksimaj montraj pronomoj “ĉi tio”, “ĉi tiu”, “ĉi tia”, “ĉi tie”, ktp. havas la evitindan literon ⟨ĉ⟩. Oni povas anstataŭigi ilin per la interjekcio “ho!“ → “ho-afera”, “ho-tiu”, “ho-tia”, “ho-tie”, ktp.

### Tenso

Mi evitas la uzon de la prezenca tenso, la “-as” verboj, de la Omala. Anstataŭe, mi uzu la futuron “plu (v.)-os” por aktualaj daŭraj agoj aŭ la pasintan “post-ek-(v.)-is” por komencitaj agoj finotaj.

EKZEMPLOJ

| **Esperanto** | **La Omala** |
|---|---|
| Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj<br><br>Artikolo 1<br><br>Ĉiuj homoj estas denaske liberaj kaj egalaj laŭ digno kaj rajtoj. Ili posedas racion kaj konsciencon, kaj devus konduti unu al alia en spirito de frateco. | Universala Deklarita pri Homes Povada Prava<br><br>Artikola 1<br><br>Tut-iu homa denaske plu estos libera plus egala pri digna plus povada prava. Ili plu posedos logikan plus morales kognitan, plus plu devos konduti unu al alia en spirita de fratoidesta. |
| La Espero (1)<br><br>En la mondon venis nova sento,<br>tra la mondo iras forta voko;<br>per flugiloj de facila vento<br>nun de loko flugu ĝi al loko. | La Esperita (1)<br><br>En la mondan venis nova sentita,<br>tra la monda postekiris forta vokida;<br>per flugilara de facila venta<br>nun de loka flugu li al loka |

**KONKLUDO**

Bonvolu ĝui kaj provi la sistemon en ĉi tiu verko. Mi eldonis ĉi tiun verkon sub la licenco "Atribuite 4.0 Tutmonda (CC BY 4.0)" por ke ĉiuj rajtu senpage kopii ĝin, redistribui ĝin, aliigi ĝin, kaj krei devenaĵojn bazitajn sur ĝi por iu ajn celo, kaj komerca kaj nekomerca, laŭ la kondiĉo ke vi atribuas la verkon, provizas ligilon al la licenco, kaj indikas iun ajn modifon.

*Bonvolu plezuri plus provi la sisteman en ho-tiu verkita. Mi eldonis ho-tiun verkitan sub la permesila "Atribuite 4.0 Tutmonda (CC BY 4.0)" por ke tut-iu prave povu senpage kopii lin, redistribui lin, aliigi lin, plus krei devenintan bazitan sur li por tut-iu volita, eble vendades eble ne vendades, se vi atribuus la verkitan, provizus ligilan al la permesila, plus indikus tut-iun modifitan.*

2022 NOV 19

jan Melon